# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 27/08/2015 Ducent tridekunua eldono27/08/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 85. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Adjektivoj faritaj el Verboj. Ĉ.

Jen kelkaj pliaj ekzemploj:

Argumenta = argumentanta = “argumenta diskuto”; apoga = apoganta = “apogaj fostoj”;

asekura = priasekura = “asekura kompanio”; atenda = priatenda = “atenda ĉambro”;

averta = avertanta = “averta gesto”; bezona = bezonata = “la bezona tempo por vojaĝo”;

suspekta = suspektata = “suspektaj aludoj”; kompila = prikompila = “kompila verkado”;

korekta = prikorekta = “korekta tralegado” = “tralegado por korekti”.

Por la du aliaj signifoj oni do devas uzi la pli longajn formojn kun du el “pri-“, “-anta”, aŭ “-ata”.

Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per

retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Lyudmila (KELLOWAY) alvenis la 24-an de aŭgusto kaj foriros la 07-an septembro.
Trevor Steele alvenos vendredon la 28-an de aŭgusto kaj foriros lundon la 31-an
Ambaŭ invititoj de la Sidneja Lingva Festivala Asocio por partopreni en la 2015 Festivalo.

Estas pli ol 105,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ en nur 12 semajnoj (ekde 28a de majo)

Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio

## 100,000 REGISTRIĜOJ POR LA ESPERANTO-KURSO ĈE DUOLINGO




Hieraŭ registriĝis la 100,000-a t.e. CENT-MILA persono por lerni Esperanton pere de la anglalingva kurso ĉe la retejo Duolingo! La kurso ekzistas nur ekde la 28-a de majo, ĝi ankoraŭ estas en la beta fazo, sed jam ekzistas pluraj personoj, kiuj sukcese finis ĝin!

**Reteja adreso: https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online**

Gratulon al la prizorgantoj kaj funkciigantoj de la projekto: Chuck Smith, Ruth Kevess-Cohen kaj sep aliaj personoj! Sendis Szilvasi Laszlo

## La Adelajda Esperanto-klubo.

Dimanĉon, la 22-an de aŭgusto, ni havis teatran posttagmezon. Deko da esperantistoj kunvenis en la loĝejo de Amato kaj Rikardo kaj prezentis skeĉojn, ŝercojn, poemon, kelkajn interesajn pensojn.

Amike,
Katja




*Lecionoj*


*Teumantino*

## Re AE 231

Dankis Vera Payne



Dankon Nikole pro la fotoj de la simplaj, belegaj pentraĵoj plenumitaj de Lilli Giloteaux dum siaj vizitoj al Sidnejo. Sendube la krajono- kaj akvarelo-bildoj kortuŝas tiujn el ni kiuj tenas varmkorajn memorojn de via panjo kaj paĉjo ĉe diversaj Esperanto Somerkursaroj kaj Kongresoj en Adelajdo kaj alie. Netakseblaj memorigiloj Lilli lasis al vi kaj vi dividis kun ni.

★★★★★★

# Malkovru Sidnejon tra la okuloj de franca artisto (2/2)

Jen la dua parto nun pretas. Ĝi enhavas desegnojn pri Manlio, ktp.

https://www.youtube.com/watch?v=Krx28aeb_Il Amike, Nicole



















Sendube nia plej ŝatata kaj plej ofte vizitita banloko en Sidnejo estas Manlio (ĉirkaŭ 20 kilometrojn de Lane Cove). Manlio situas sur la landlango de la Norda Kabo en la sidneja haveno. Ni ŝatas ambaŭ flankojn de Manlio: la imponan oceanan flankon kaj la ĉarman havenan flankon.

Supre estas kelkaj desegnoj de mia patrino pri Sidnejo kun komentario en Esperanto.
Lilli Giloteaux, franca esperantistino ofte vizitis Sidnejon (Aŭstralio). Ŝi multe pentris kaj desegnis kaj kreis libron manskribitan kaj mandesegnitan kun proksimume 100 desegnoj.
La teksto estas laŭtlegita de la filino de Lilli Giloteaux Amike, Nicole https://www.youtube.com/watch?v=Krx28aeb_II



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiujn unuan kaj trian Sabaton. La venonta kunveno estos la 5an de septembro de la 10-a ĝis la 12-a Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.




# Esperanto-Domo Sidnejo

## Trevor Steele prelegos ĉe Esperanto Domo

Sabata Vespero EFNSW evento 6ptm ĝis 8ptm. 29an Aŭgusto vespere Inter la 2 tagoj de la Lingva Festivala Asocia Evento 2015 Venu!

## Malfacilaj demandoj:

1. La patrino de Johano havis tri infanojn. La unua estis nomata Aprilo. La dua nomatis Majo. .......Kio estis la nomo de la tria infano?
2. Antaŭ ol oni malkovris Monton Evereston, kio estis la plej alta monto en la mondo?
3. Kiom da tero enestas en truo mezuranta du futojn oble tri futojn oble kvar futojn?
4. Kiun vorton en la angla lingvo oni ĉiam literumas malkorekte?
5. Vilhelmo naskiĝis la 28-an de junio, sed lia naskiĝtago estas ĉiam en la somero. ........Kiel tio povas esti?
6. Kio nomatis la prezidento de Usono en 1975?
7. **Se estus vi vetkuranta, kaj preterpasus la kuranton en la 2a loko, en kiu loko vi tiam estus?**
8. **Kio estas ĝusta? "La vitelo blankas" aŭ "la vitelo de ovo estas blanka"?**

## Kaj jen la ĝustaj respondoj:

1. **Johano kompreneble.**
2. **Monto Everesto; ĝi ankoraŭ ne estis malkovrita.**
3. **Estas neniom da tero en truo.**
4. **Malkorekte.**
5. **Vilhelmo loĝas en la norda hemisfero.**
6. **Same kiel nun, Barako Obamo. Ĉu vi vere ne sciis tion?**
7. **Vi estus en la dua loko, kompreneble.**
8. **Neniu el ili. La vitelo estas ĉiam flava. Mi kredis, ke eĉ vi scias tion !**



Sendis Bob Felby

The Sydney Morning Herald
Entertainment

Kontraŭ Esperanto-artikolo
http://www.smh.com.au/entertainment/postcard-from-the-home-of-esperanto-a-language-whose-time-never-came-20150816-giyuba.html
sendis Nicole ★★★★



Jen miaj komentoj pri la artikolo kiu estis publikigita en 5 aŭstraliaj ĵurnaloj. La aŭtoro de la artikolo skribis al mi, ke li ja dividos miajn komentojn kun aliaj personoj.
http://www.ipernity.com/blog/158659/1608684 Amike, Nicole (Bonegaj komentoj. Legu ilin, Roger)

# Esperanto-Domo Sidnejo



Morgaŭ la 25-an de aŭgusto je la 3-an ptm en ED nia gasto el Brisbano Ljudmila planas provludi E-kantojn por lingva festivala koncerto. Mi invitas ĉiujn partopreni la provludon.
Amike,
Dmitry 24/8/15 (pasinta envento, 5 venis)

Mekrede la 26an venis Roger Springer, Jim Couch, Jan Wylles Kaj nia gasto Lyudmila kiu restas ĉe la gastĉambro.
Ankoraŭ laboris pri la interreta kunigo. Ktp.
Espereble la problemo de la interreto estas solvita.

## Sydney Language Festival Association

http://www.languagefestival.org/ Ĝia retpaĝo informas

**Day 1 -Saturday, 29 August 2015 from 11:00 am to 6:00 pm**
Redfern Community Centre, 29-53 Hugo Street, Redfern NSW
**Day 2 -Sunday, 30 August from 12:30 pm to 6:00 pm**
Bondi Pavilion, Queen Elizabeth Road, Bondi Beach NSW
Trovis Roger Springer

## Sabato-Evento de EFNSK

Inter la du tagoj 6:00 ptm ĝis 8:00 ptm estos evento de EFNSK
ĉe Esperanto Domo. 143 Lawson St, Redfern
**Trevor Steele prelegos.** informas Roger Springer

Se iu kritikas vin, ne malĝoju, memoru tiun poemeton de

## Raymond Schwartz:

★★★

Termometroj

Se vin mallaŭdas la kritiko,
Se vin atakas konkurenc',
Se kalumnias vin amiko,
Nu, ĝoju pri la konsekvenc',
Ĉar ĉio tio ja signifas,
Ke vi vivas!

Se bonon pri vi ĉiuj diras
Kaj nur parolas pri merit',
Se ĉiuj ŝajn-sincere miras:
"Ho, kia viro! kia spirit'!"
Videble, oni florojn portis,
Ĉar vi mortis

★★★

Avizo sendita per Nicole



# La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

## Vortoj de "Lernu"

HEREDI
heredi
1. Laŭleĝe ricevi ion de mortinto:
Post morto de avino mi heredis ŝian domon.
Ne fidu heredon, fidu posedon.
La bildoj herede apartenas al via frato.
Vi certe ne estos heredanto de mia domo!
Mi heredigos vin, ĉar mi ne havas proprajn infanojn.
Ŝi decidis senheredigi malamatan duonfilinon.
2. Havi post siaj parencoj aŭ antaŭuloj, ĝui post ili aŭ same kiel ili:
Nacioj heredas morojn de siaj antaŭuloj.
Kristanismo estas lia hereda religio.
3. Ricevi de la gepatroj difinitajn ecojn pro heredeco:
Inklinon al lingvoj mi heredis de mia patrino.
Eblas diri, ke mia malsano estas heredaĵo de miaj gepatroj.
Genoj estas la portiloj de heredeco.